

# PENSEO

N-ro 158

Dec./2004

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 15-a jaro http://www.elerno.net/penseo.htm

## Recenzo

### Poemoj Kiu Ofendis Imperiestron Aromeman

— *Apreze pri la Vojaĝo en Juneco de Zhou Bangyan*

**Guozhu**

Por multaj legantoj, rakonto ilustrita per poemo, aŭ poemo enhavanta rakonton, legiĝas certe pli interesa ol la pura rakonto aŭ versaĵoj, senornamaj kvazaŭ nuda floro sen folioj.

Oni facile komprenas, ke versaĵoj kaj rokontoj ne estas ŝtataj historioj aŭ oficialaj biografioj. Leginte la verson de Li Bai ke "Tridekmil futojn longa estas blanka har'" [trad. Kalocsay], la legantoj ne riproĉus kun severa juĝista mieno la mensogon de poeto; male, oni eĉ laŭdas pri lia romantika imagipovo. En Tang-dinastio Meng Qi eĉ kompilis libron nomatan Poemoj kun Rakontoj, en la kolekto ĉiuj pecoj enhavas kaj rakonton kaj poemon, ekz-e la fama "Knabino antaŭ Persikfloroj" kc. Tiu nomita peco rakontas nur pri amo inter paro da gejunuloj. Imagu, se la protagonistoj de amrakonto nombras pli ol du, se ili estas, anstataŭ banalaj plebanoj sed famuloj, ĉu tio legiĝas pli alloga? Jes ja!

Jen, la Vojaĝo en Juneco de Zhou Bangyan ĝuste estas poemo enhavanta rakonton, kiu skribas laŭ supraĵe intiman scenon nur inter paro da geviroj. Tamen, laŭ furora onidiro, fakte pri triangulo en amafero, t.e. fama kantistino, fama klerulo kaj amorema imperiestro.

La fama kantistino estas Li Shishi. Vi povas legi *Anekdotan Biografion de Li Shishi* en la libro "Noveloj el Antikva Ĉinio"[*p.207. ĈEE. 1998]. La peco estas ne tute fikcia, eĉ la intrigo kiel la imperiestro Song Huizong (kiu regis inter 1101-1125 p.K.) vizitis ŝin tra subtera koridoro.

En haremo de ĉiu imperiestro ja troviĝas nuboj da belulinoj. Kial do la imperiestro ankoraŭ vizitis kantistinon ekster sia palaco, eĉ tra subtera koridoro speciale konstruita? Pri tio dubis eĉ la imperiestra kromedzino Wei, kiu demandis al Song Huizong:"Kia estas la Li-familia filino, kiun vi tiel amas?" Li respondis:"Estas nenio alia. Se cent kiaj vi prenus vestojn simplajn anstataŭ la brilajn, kaj Shishi miksiĝus inter vi, ŝi certe distingiĝus. Ŝia gracia gusto superas la belajn trajtojn." [*p.213.trad. Li Yuping]

La fama klerulo estas Zhou Bangyan (1056-1121), alinomata Zhou Meicheng, mem titolita Ermito Qingzhen, lokano de Qiantang (nuna Hangzhou, ĉefurbo de Zhejiang-provinco). Li estis majstro pri muziko, scipovis komponi, kaj rekonata kiel granda poeto en la finaj jaroj de la Norda Song-dinastio (960-1127). Multaj liaj verkoj temis pri amo inter geamatoj, kun lerta tekniko de poetiko kaj donis sufiĉan influon por disvolviĝo de ci-oj (fiksformaj poemoj) en Ĉinio.

Laŭ noto en la libro Nobla Orelo (Gui Er Ji) de Zhang Duanyi, ke foje la imperiestro Song Huizong vizitis al loĝejo de Li Shishi, kie troviĝis ankaŭ Zhou Bangyan, kiu venis fakte pli frue. En hasteco Zhou Bangyan kaŝis sin evite sub la liton en la ĉambro. La imperiestro kunportis freŝan oranĝon,novan tributon el la sudo, kaj li ŝerce babilis kun la kantistino.

Zhou Bangyan subaŭdis ĉion detale kaj li versis la poemon laŭ melodio Vojaĝo en Juneco, kiu malkaŝis la sekreton de la amorema imperiestro. Ofendite, la imperiestro ordonis forpeli Zhou Bangyan de la ĉefurbo!

La poemo enhavas sume nur 51 ideogramojn (51 silabojn) en la ĉina originalo. Tamen skribis kaj scenon kaj senton; kaj realon kaj psikon.

La unua strofo pri sceno en la ĉambro: ovri oranĝon, bruli incensaĵon, ludi fluton. Tio estas pri realo.

La dua strofo pri sceno ekster la cxambro: noktmeza horo, densa prujno, malmultaj irantoj. Tio estas en imago.

La unua strofo per objektoj sentigas varmon en la ĉambro.

La dua strofo per parolo akcentas malvarmon ekster la ĉambro. Impresa kontrasto.

La dua strofo registris la mildan parolon reteni gaston, kun profunda amo, en belaj vortoj, kunsonas prizorgo, sondo, admono, atentigo, supozo, konjekto, peto, reteno..., tiel ke oni kvazaŭ klare aŭdas la mildan voĉon de la knabino kiu, tiel viveca, verŝajne tuj elirus de la poemo. La zigzaga kaj detala skriboj pri ŝia psika stato rikoltas vastan laŭdon de legantoj kaj fakuloj.

**Zhou Bangyan** (1056-1121)

— Laŭ melodio Vojaĝo en Juneco

Neĝe blankas suda sal' gracile,
kaj tondilo norda glimas brile.
La freŝan oranĝon ovras fingroj ĉarmaj.
Brokataj kurtenoj iĝas varmaj.
Incensuje ŝvebas fum' senĉese.
Vid-al-vide, ludas fluton ŝi karese.

Mallaŭta demando. Ŝi parolas:
"Kien iri vi tranokti volas?
En la urb' jam tempas noktmeza finalo.
Densa prujn' glitigas al ĉevalo.
Prefere restu ĉe mi, amato,
sciu, tro malmultaj irantoj sur strato!"



elĉinigis Guozhu 2004-12-15

## Cerbo Plena je Fiŝoj

Chang Luming

Bingĉjo estis trafita de stranga malsano.

Por kuraci lin, liaj gepatroj eskortis lin al malsanejo. La kuracisto diagnozis, ke akvo eniris en la cerbon de la infano. La gepatroj gapis kun grandigitaj okuloj je la ŝajnigita ŝerco de la kuracisto. Kaj tiu serioztone diris, “Pli ol akvo. nombro da fiŝoj naĝas ene!”

Je tio ili maltrankviliĝis kaj petis lian helpon. La kuiracisto kapskue diris, “Tio estas la unua kazo de akva invado en cerbo en la historio de homaro!”

La gepatroj turnis al interreto por trovi helpajn informojn.

Ekster ilia atendo, la informoj sur la reto surprizigis: multaj infanoj suferas de la samspeca malsano.

La sciigo pri la malsano ĉien dsivastiĝis rapide kiel fungoj kreskas post pluvo.

La registaro tuj formigis urĝan grupon por fari enketadon pri la malsano.

Laŭ la analizo de specialistoj, la eblo estis, ke la cerba strukturo de la infanoj abrupte ŝanĝiĝis pro iliaj kontaktoj kun estaĵoj el aliaj planedoj.

La gepatroj ege ĉagreniĝis fronte al la infanoj, kiuj emis nek manĝi nek trinki. Sed kiam temis pri retumo en interreto, la infanoj tuj ekscitiĝis.

Ankaŭ specialistoj tion trovis stranga. De kie akiras energion la infanoj, kiuj ne manĝas?

La specialistoj komencis fari detalan

enketon kaj esploron pri la malsano de Bingĉjo. Ili konkludis, ke li suferas de malemo al manĝado, neŭrastenio kaj distriĝemo.

Ili penis komuniki kun Bingĉjo, sed tiu rifuzis malfermi sian buŝon.

Kaj la gepatroj de Bingĉjo atentigis ilin komuniki kun li per interreto.

Finfine ili sukcesis komuniki kun la infano.

La gepatroj kaj specialistoj sin registris surrete per tre alloga retnomo: Cerbo Plena je Fiŝoj. Rezulte de tio, multe da infanoj, je ilia pli granda miro, memvole babiladis kun ili. La fakto pruvis, ke ili kaŝas multajn sekretojn de aliaj en sia koro. Kaj multaj fiŝoj loĝis en la cerbo de tiuj infanoj, kiuj ne komunikis kun siaj gepatroj.

Tra interbabilado, oni komprenis, kiel ĉagrenaj estas tiuj infanoj, ekzemple, pro multaj hejmtaskoj, pro kritikoj de instruistoj pri ilia malforta kapablo de memmastrumado, pro dimanĉa malpermeso al ludado en parko pro perforta lernado de pian-ludado, dancado aŭ kantado, pro malpermeso al spektado de televidaj programoj en vespero...

Tiaj katenoj pereigis ilian naturon de senĝeneco.

La specialistoj kaj gepatroj akceptis la realon kun miro.

Tamen, kiel okazis iliaj kontaktoj kun estaĵoj el aliaj planedoj?

Okazis, ke, ĉar la infanoj ne povis trovi komunikeblajn personojn, ili, pere de interreto, dissendis SOS-leterojn por peti helpon, kaj fine ili ricevis poŝtleteron.

La specialistoj provis malfermi la misteran leteron, sed ili ne povis, ĉar laŭ la indiko sur la letero ĝi estis fermita al la uzo de personoj, kiuj aĝas pli ol de ok jarojn.

Sen sukcese akiri la sekreton el la letero, ili turnis sian atenton al retaj babilejoj.

En babilejo kolektiĝis amaso da babilantoj kaj ondadis informoj. Ĉi tie okaziĝis diskutkunveno kun dekmil partoprenantoj, kies temo estis “Fiŝo Aspiranta al Senĝeneco”.

Kiam aperis la retnomo “Cerbo Plena je Fiŝoj” en la listo de la babilejo, ĝi eĉ altiris nombron da malgrandaj retamikoj.

Ili demandis, “Ĉu vi estas estaĵo el alia planedo? Kial vi nomiĝas tiel?”

La specialistoj ekstreme ekĝojis. Kun helpo de la infanoj, ili deĉifris la leteron. Tamen, subite ili trovis, ke en iliaj propraj cerboj naĝas fiŝoj.

En la virtuala spaco, ili malgaŭvole forgesis sian identecon kaj ŝajne fariĝis junaj je pli ol multaj jaroj. La premo kaj streĉiteco, kiujn ili eltenis en la aktuala socio, senspure malaperis kvazaŭ la forlasita neĝo tuj post la alveno de printempo.

La jena frazo el la enketa raporto far la specialistoj legiĝis, “Tio, kio la interreto alportas al la homaro, estas ne nur la ŝanĝiĝo de labora kondut-maniero, sed, pli grave, la rekta influo sur la evoluo de hma cerbo... Fakte, se la homaro volas iri ekster sian memon, bezonataj estas pli aliaj manieroj.”

Poste Bingĉjo “pliboniĝis” iom post iom. Iun tagon, li tre ĝentile diris al siaj gepatroj, “mi tre volas perlabori la unuan sumon de mono por aĉeti donacon por vi!”

La unuan tagon de la luna jaro, la gepatroj ricevis donacon, la nomo de kies donacinto estis “Senĝena Fiŝo en Akvo”, kun adreso “el Interreta Ĉielo”.



Malferminte la pakaĵon de la donaco, ili vidis la de estaĵo el alia planedo skribitan leteron, kiu legiĝis, “Respektataj gepatroj, jen estas nia premio al via filo pro ties klopodo. Li tamen petis nin transdoni ĝin al vi.”

La gepatroj neniel elcerbumis la racian klarigon pri la premio, je kiu ilia filo indis. Kian kontribuon finfine ilia filo faris?

Kiam ili havis liberan tempon, la gepatroj

ofte retumdis por serĉi la solvon. Ili komencis senti, ke en ilia cerbo naĝas pli kaj pli multaj grupoj de fiŝoj, kaj ankaŭ aliaj pejzaĝoj kaj animaloj, kio pruvis, ke la homaro ne estas izolita.

Siaparte, Bingĉjo sin sentis feliĉa, ĉar li povis finfine eniri, subtenate de siaj gepatroj, la interretan spacon senĝene kune kun ili.

Tio, kio pli ĝojigis la gepatrojn, inkludis la registropaperon de lia lernpoentoj, lian spiritan fizionomion kaj multajn aliajn. Se vi interbabilos kun Bingĉjo vizaĝ-al-vizaĝe, vi certe rikoltos multe.

Ho, mi forgesis mencii la retnomon de Bingĉjo: Senĝena Fiŝeto.

elĉinigis Vejdo

## Poemoj de Bai Lianchun

### Rizo

ĝia grajno tre tre eta
la maĉaĵo nur por dentoj
larma blank' en suna flavo
en akvkampo kreskas akva rizo
seka riz' vegetas sen akvoprovizo
la rizŝelo estas glor' de Patro
min prilumas dum la tuta vivo
la rizsuko estas amarec' de Filino
min penigis dum la tuta vivo
ĝia grajno tre tre eta
tre malpeze en la mano
tamen ĉiam mi fojrefoje min kurbigis
laca kaj sincera
ĝi fragila estas
rompiĝema ja facile sub dentpremo
por maturiĝo ĝia
mi fordonas amon dum la tuta vivo

### Terpomo

antaŭen rampas ĝi kviete
silenta restas ĝi al la malhelo
sub la tero
antaŭen ĝi nur ŝovas
tra ŝtonaj fendoj, tra sunlum' kaj pluvo
tra frosta miltfajr' kaj tempa batalejo
kviete ĝi antaŭen rampas
neniam ĉesas
ĝi ĉerpas forton de la man' de kultivanto
de la okuloj jen soifaj je triumfo ĝia
kaj de la ventro plenigota per ĝi
malsat' individua tio ne 'stas
sed la nacio tuta, ĝi kviete
subtere rampas en mallum' senlima
ĝis nun ne perdas vojon
nur ĉar anim' flagranta
direktas ĝin silente

### Neĝmonto

en la lunlumo
du gruntbovoj
alblovas unu sian varman spiron
al la vizaĝ' alia
returnas birdo en korfundo
ĝi flugis tridek jarojn tutajn
jam iome laca
ankoraŭ l' vent' balaas neĝon
jam preskau centmil fojojn ĝi balais
la vento volas elbalai grundon sub la neĝo
probable por kreskigi ion
ne kuirfum' videblas
l' arom' de rizo kuirita de Patrino
dumvoje jam elvaporiĝis
mi ankaŭ ja elvaporiĝos
finfine mi atingos
mian propran sonĝon

tradukis Yang Fang

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@elerno.net
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.net/penlisto.htm

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊